LA REVUO ORIENTA

# 目次

JARO XV N-RO 9, SEP. 1934

JARO XV, N-RO 9 SEPTEMBRO, 1934

# LA REVUO ORIENTA

Monata Organo de JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO, Hongoo-ku, Motomaĉi I, TOKIO, Japanujo

## APUD—PRETER

X-I Prepoz.] ( 7 ) *K. Ossaka*

| | |
|---|---|
| *a.* | Atendante lian alvenon, mi paŝadis *apud* lia domo. |
| *b.* | Kun emocio ĉiumatene mi paŝadis *preter* lia domo. |

*a.* 彼が來るのを待つ間彼の家のそばをぶらついてゐた。
*b.* 心をおどらせて毎朝私は彼の家のそばを歩いて通つた。

1. **Preter** montras pasadon „*tra* la loko proksima al io", dum **Apud** signifas restadon „*en* la loko proksima al io."

**Preter** は他から來て或るもののそばを通つてゆくことを示す。**Apud** はあるもののそばに留まつて居り，そばに在つて動作することを示す。然し apud には常に靜止乃至は狀態の動詞しか用ひられぬと誤解してはいけない，側を離れさへせねば運動の動詞が apud を伴ふこともあり得る。

*Rim.* Oni do ne pensu, erare, ke kun la prepozicio „Apud" oni ne devas uzi verbon de movo; oni ja povas sin movi restante apude de io kaj ne foriĝante de tie:

Ŝi *vagadas* ekstere *apud* la gimnazio kaj atendas. (Rn 60)

彼女は中學校のそばの外でぶらついて待つてゐた（=ŝi vagadis, sed ne foriris malproksimen de tie)

La virino, kiu *iris apud* li, ekrigardis lin mirigite. (M 161)

彼のそばに歩いてゐた婦人はびつくりしてふり向いた。(la virino iradis, sed ĉiam restante apud la viro, kiu ankaŭ iris en la sama direkto, kiel ŝi).

Verboj de pasado, kiel *iri, veni, veturi k s.*, akompanas iafoje la prepozicion *preter*:

Elizo devis *iri* tute proksime *preter* ili. (FI 112)

エリーザは彼のすぐそばを通つて行かねばならなかつた。

Vi *iras* nun *preter* la limo de Moab, *preter* Ar. (Re II-18)

モアブの境のほとり，アルのほとりを通りつゝある。

*Venante preter* la imperiestro, la veturigisto haltigas la ĉevalojn.

皇帝のそばを通りすがつて御者は馬を停める。(FK 68)

La verbo „pasis" mem estas nature ofte uzata kun *preter*:

Ili *pasas preter* li. (Rt 138)

彼等は彼のそばを通りぬけてゆく。

Kiam ni *pasis preter* la stacio, mi aŭdis ke Jim ekkriis. (FK 141)

停車場を通過した時ジムが叫ぶのを聞た。

Tiel parolante, la du virinoj *pasis preter* Marta. (M 21)

そんな話をし乍ら婦人二人はマルタのそばを通つて行つた。

Li *pasis preter* mi sen saluto.

挨拶もしないですり拔けた。(M 178)

Dirinte ĉi tion, ŝi *pasis preter* la miregigita junulo kaj malaperis post la pordego. (M 196)

こう云ひすてゝ彼女はあつけにとられてゐる青年を尻目にかけて門の內へ姿を消した。

〔*Ank. vd.*: Er xii-13, M 4/9, kc.〕

### 2. Preter kun Akuzativo.

Por akcenti netuŝadon aŭ netrafon de

io dum transpasado preter ĝi; oni iafoje uzas akuzativon post *preter*, sed la nuanca diferenco estas tiel malgranda, ke oni povas ne uzi la akuzativon en tia okazo:

Laŭ la komando «tri» vi ekpafos sur la arbon... unu, du, tri!... Ha, mallerta urso, vi pafis ja *preter* la arbo*n*!

『三』と云ふ號令であの樹を撃つのだぞ……一,二ッ,三!……頓馬奴, 樹に當らなかつたぢやないか(樹をかすめて擊つた)!(FK71)

Ĝi iris al li *preter* la buŝo*n*.

乞をかゞされただけで口に入らなかつた, 當が外れたの意の諺。(P 568)

La vojo kondukis *preter* preĝejo*n*.

教會のわきに(教會堂をそれてそのそばに)道がついてゐた。(FI 14)

Ni do konsilas, ke en dubaj okazoj oni pli bone uzu ĉiam la nominativon post *preter*. Ĉe Zamenhof ni kelkafoje renkontas dubindan uzon de *preter* kun akuzativo (aŭ tre delikatan diferencigon):—

Mia sinjoro! se mi trovis plaĉon en viaj okuloj, ne pasu *preter* via*n* sklavo*n*. (Gn xviii-5)=ne foriru, *ne turnante sin al li, lin ne tuŝante.*

我が主よ, 若し我が御目にとまつて恩寵を得て居るならば私(あなたの下僕)の處へお寄りも下さらないで御行き過ぎ遊ばしますな。

Tamen apude ni havas:—

Kaj mi alportis pecon da pano, ĉar por tio vi pasis *preter* via sklavo. (Gn xviii-5) =venis preter mi certe *por min viziti (por min tuŝi)* pro la pano.

茲にパン一と片を持つて參りました, それはパンを求めてあなた様が私(貴下の僕)の處を御過ぎり遊ばしたのですから。

Kaj li mem pasis *preter* ili*n*. (=la sklavinojn kaj la infanojn), kaj kliniĝis ĝis la tero sep fojojn, antaŭ ol li atingis sian fraton. (Gn xxxiii-3)=por atingi sian fraton li preterpasis ilin (*sen atento al ili,* ĉar ili mem ne estis la objekto de irado).

彼自ら彼等のそばを通りぬけてゆき七度地に額づいてから兄のそばへ行つた。

Mi vidis junulon senprudentan, kiu pasis sur la placo *preter* ŝia angulo kaj iris la vojon al ŝia domo. (SS vii-8)

廣場を行つて彼女の横丁を曲り(ŝia angulo estis lia objekto tiam, ĉe kiu li sin turnis en la vojon al ŝia domo) 彼の女の家へ行く馬鹿な若者を見たのだ。

### 3. Preter kiel Prefikso

*Preter* estas pli multe uzata kiel prefikso en kunmetitaj vortoj, ol memstare.

a) **PRETER**IRI=通り拔ける, そばを通る, 過ぎる。

Kelkaj homoj, vestitaj laŭ la tiuepoka modo, *preteriris preter* ili.

當時の服裝をした人が數人彼のそばを通り過ぎて行つた。

Kaj la eternulo *preteriris* antaŭ li (Er xxxiv-6)

エホバは彼の前を通つて行つた。

Antaŭ la pordo de la restoracio de Stempkonjo mi *preteriris* kun klinita kapo kaj kun ĝemo en la brusto.

S料理店の前をうなだれといきをつき乍ら私は過ぎて行つた(M 160)

*Preteriru* antaŭ la popolo.

民の前に出で丶其前を歩め(Er xvii-5)

*Preteriranto* (FK 80/4) 通行人。

b) **PRETER**KURI そばを驅けぬけてゆく, 驅けてそばを通つてゆく。

Sed subite ekŝajnis al ŝi, ke ŝi vidas tiesajn amikojn kaj parencojn, kiuj kun kadavraj vizaĝoj kaj en blankaj ĉemizoj de mortintoj fantome *preterkuras* laŭlonge de Rejno.

彼女は不圖知人や親族が死相をして經帷子をまとひ朦朧とラインの河際ひに走つて通るのを見た樣な氣がした。(Rn 18)

Eĉ mus' ne *preterkuris*. (H 2/5)

鼠一匹出ませなんだ。

Tie en la arbaro estis tamen gaje, kiam la neĝo kuŝis kaj la leporo *preterkuradis*. (FII 46/30)

森林の中だつて中々賑かなのです, 雪が積つて兎が近くを驅けてゆく時分には。

〔前號 APLIKOJ I 解〕

1. Kiu estas tiu sinjorino, kiu staras apud via kuzo?

2. Kiam mi alvenis, ĉiuj gastoj jam sidis ĉe la tablo.

3. Li sidis apud la tablo de la fakestro, parolante kun li.

4. Tutan tagon li sidadas ĉe la tablo.

5. La batalo apud Mukdeno.

6. Ĉu li loĝas proksime de la lernejo?

7. Li loĝas tuj apud la lernejo.

8. Apud la puto staras granda saliko.

9. La japanaj ĉampionoj aspektis kiel infanetoj apud la gigantaj usonaj ĉampionoj.

10. Eĉ en la ekstrema okazo mi staros apud vi.

11. La viro sidiĝis apud mi kaj kaŝe ĵetadis sur min rigardon.

12. La tutan tagon mi sidadis sendorme ĉe la malsanulo (又は apud la lito de la malsanulo).

13. Li naskiĝis en malriĉa vilaĝo apud Sendai.

14. Venu ĉi tien kaj sidiĝu apud mi.

15. En tiu tempo oni komencis praktiki la holandajn metodojn de medicino apud la ĥinaj.

16. De tiu domo apud la rivero (又は sur la riverbordo) oni certe ĝuas belegan perspektivon.

17. Laŭlonge de la rivero kondukis vojeto.

18. En la vojo mi estis kaptita de subita pluvego kaj rifuĝis en kapeleto apud la vojo.

19. Tiam alparolis al mi la homo, kiu sidis ĉe mia flanko (又は flanke de mi 又は apud mi)

20. Por resti apud vi
klopodis mi nur pene,
sed Dio, ve al vi!
finiĝis ĉio vane!

〔前號 Aplikoj II 解〕

1. Li estis en tia kolera humoro, ke ĉiuj sin tenis flanke de li (又は for de li).

2. La najbarinoj ĉiam aranĝadis apud la puto (gravan) konferencon.

3. Iu estas ĉe la pordo. Iru kaj vidu, kiu li (又は ŝi) estas.

4. Ŝi staras apud (又は ĉe) la pordo kaj atendas la revenon de la edzo.

5. Kiel rekompencon (又は premion) mi donis al li libron, kiu kuŝis (又は troviĝis) apud mia mano (又 apude).

6. Kiam mi lin vizitis, lia familio sidis ĉe vespermanĝo.

7. Mi trovis lin sidanta apud la tablo kun la mentono (tenata) sur la mano.

8. Li agaĉas krude, kiel se neniu (estus) apude.

9. Oni alvokis la apudestintojn kiel atestantojn.

10. La malnova kastelo apud la lago.

## PORTRETO

Originale Verkita Masao NIŜIMURA

Revenas mi de mia labor' ekspluatata
malŝlosas etan pordon, portreto min arestas
statuan min alridas, konsolas ho kompata,
forgesas mi forgesas: mizero kia estas.

Bazaron mi rapidas aĉeti etan ajlon
sentante ŝian pezon, portreton sur la brako,
forgesas mi forgesas malriĉan salajron,
kuiras jam vidante palacon en barako.

# 日本詩歌のエス譯について

## （6）

松葉菊延

しかし，その前に rimo について一言しなくてはならない。

Rimo はわれわれの考へでは詩の esenco でなくて ornamo に屬するものであるから，なくても差支ないものであるが，實際は，ヨーロッパの詩人はこれをも詩の要素と考へてゐるらしく，La Versfarado en Esperanto[16] には：Perfekta versaro unuigas ĉiujn tri specojn de la harmonio: silabnombron, ritm-akcenton kaj fin-rimon などとある。そのためか，ヨーロッパ人は日本の短歌などを譯しても，原作にないこの rimo をば，やたらに譯に入れたがる。しかし，これは，スバルウインが云ふ樣に『飜譯でなくて，與へられた東洋のテーマに對する歐風の詩を書くこと』であり，原詩形の再現といふ立場からみるときは絕對にさけねばならぬ方法と思はれる。尤も，極めて稀には，日本の詩でも，rimo に成功したものがあるし，（例へば大木篤夫の『北風の頌』[17]）又，準 rimo とみるべき同一句章の反復があるが[18]かゝる場合には無論 rimo 及び ripeto を再現すべきである。Aliteracio の場合も亦同樣である。

### 譯　例

若倭部身麻呂 Wakayamatobe-no-Mumaro

わが妻は　Verŝajne Kara
いたく戀ひらし　freneze sopiras min:
のむ水に　eĉ en la akvo
影さへ見えて　ĉe ĉiu trink' mi vidas
世に忘られず　ŝin - aĥ, ne forgeseble!

(Metro: --•/-•--/--•/---•/---•)

石川啄木　Isikawa-Takuboku

そのかみの　Min nomis iam
神童の名の　la hom' genia knabet'
かなしさよ　Ho! kia dolor'!
故鄕にきて　Lamentas sole pro ĝi
泣くはそのこと　la koro ĉe l' hejmvilaĝ'

(Metro: —•/--•-/--•/ --•-/-•--)

山邊赤人　Yamabe-no-Akahito

若の浦に　Se Waka-golfete
潮みちくれば　alfluas tajd', sin kaŝas
潟をなみ　la borda sablaĵ';
葦邊をさして　kaj laŭtkriante gruoj
鶴鳴きわたる　al kanobosko flugas.

(Metro: -•-•/---•/-•-/---•/---•)

第一句は六音節で字餘り，尙これは三宅史平氏によつてもエス譯された。

讀人不知　Anonima

足びきの　Fazanovoste
山鳥の尾の　longega ŝajnas treniĝ'
しだり尾の　de tempo nokte,
ながき永夜を　dum kiu sur lit' en sol'
ひとりかもねむ　kuŝadi mi devas aĥ!...

(Metro. --•/--•-/--•/--•-/-•--)

これには色々のエスペラント譯があるから比較研究のため次に揭げる：—

Kiel etendita
pava vosto—nokto fluas
kiel longe mi enuas
sopirante, dormiĝante
nokte sur sternaĵo lita

*Grabowski*

Kiel trenata
vosto de la fazano—

16） Jarlibro de UEA, 1927, p. 90

17） 一節をひく：あゝ日のわか<u>れ</u>/雪 霙/樹を吹かれゆく枯葉のわか<u>れ</u>/地のみだ<u>れ</u>。

18） 例：これの世にこの咳を止むる醫術(くすし)あらぬなりけり<u>あらぬなりけり</u>——石川惣七。

ĉu tiom longe
daŭros soleca nokto
aĥ! en mia kabano—
*Hohlov*

Maldormi sola
Dum longe, longe, tiras
Sin nokto, kiel
La vosto de fazano
Kiu montflanke iras
*Kalocsay*

Ŝajnas sin treni
kiel la plumo vosta
de la fazano
la longa longa nokto—
aĥ, kuŝi en solo frosta!
*Kalocsay*

Ho longe, longe,
kiel la vost' fazana
treniĝas nokto,
dum oni kuŝas sola
en dorm-atendo vana
*Totsche*

Nokt' longa, longa
kiel la vosto lula
de la fazano,
kiu treniĝe paŝos!
ĉu dormi mi solula?
*Waringhien*

上掲五氏による六つの譯詩は，多少內容的に遺憾な點もあるが，概して立派なものである。唯，いづれも rimo をふんでおり，且つ ritmo の reprodukto が考慮されてゐない樣に思はれるので，敢て拙譯を試みたわけである。

Kalocsay の最初の譯では詩句が總て大文字で初まつてゐるが，これは，ヨーロッパの詩法としても近代的ではない。恐らく Kalocsay は原歌が萬葉集中の古典ものであるといふので，古風な法をとつたと思はれるが，日本の古典，特に短歌の飜譯には應用せぬ方がいゝと思ふ。

上例は全部短歌であるから，前述の如く二音と一音の配列が固定的でない。これに反して，二音一音の配列の固定してゐる例として俚謠の譯を示す。Metro はいづれも：—•—/—•—/—•—/—•—• が普通。最後の verso だけが，—•— となることもある。

| | |
|---|---|
| 今宵一夜は | Hodiaŭ, vespere nur |
| 緞子の枕 | sur silka lit' mi dormos. |
| 明日は出舟の | Sed morgaŭ jam surŝipe |
| 浪枕 | sur ond' mi dormos. |
| お醫者樣でも | Nek zorga doktor-kurac', |
| 草津の湯でも | nek fama ban' en Kusac' |
| 戀の病は | efikas por kvietig' |
| なほりやせぬ | de l' amo-sopir — |
| 惚れて通へば | Irvoje, por vidi ŝin, |
| 千里も一里 | milmejla voj' nur mejlas; |
| 會はず歸れば | hejmire, sen vidi ŝin, |
| 又千里 | ĝi dumilmejlas!... |

『今宵一夜は』の二行と四行，『お醫者でも』の一行と二行及び『惚れて通へば』の一行と三行，二行と四行とは，それぞれ ripeto がしてあるので譯詩にもそれをうつした。

以上，短歌及び俚謠の譯例は決して模範的のものではない。飜譯の結果については，自分でも不滿に思つてゐるものばかりであるが唯，飜譯形式の見本として掲げたまでゝある。

注意されて欲しいことは，これらは，いづれも『誦む』ことを目的として譯したもので『歌ふ』ことを目的としたのではないといふ事である。卽ち，今までに研究した事は『歌ふ』詩の飜譯法でなくて，『誦む』詩のそれであるから，譯詩は必ずしも都々逸等の曲で歌はれるものではない。『お醫者樣でも』にしても，草津節では絕對に歌へぬ事を明言しておく。

和田垣博士だかゞ『古池や蛙飛び込む水の音』の調子を傳へるために

Free care
coward to become
mid note

と音譯(?)されたと云ふ話がある。又聞の又聞きであるから單語の一つ一つ及びその配列法の正確は期し難いが實に巧妙なものと思ふ。

これは，日本詩歌——この場合は俳句——の音數組織が五七五，十七音節よりなるとす

〔以下 252 頁へ續く〕

# SAT, Plena Vortaro（改訂版）について

岡　本　好　次

八月中旬改訂第二版の SAT, Plena Vortaro が來た。裝幀は綠色のクロース綴で第一版のボール紙の表紙に比べて金文字も入つてゐて數倍體裁がよい。

新版の formato は舊版に比して やや横幅が廣いだけで大差がない。頁數は辭典の本文の最初の頁が17頁で最終が 511 頁だから正味495頁といふわけ。序文その他前附正味 9 頁。之に比して舊版は辭典の本文が第 1 頁で始まつて 517 頁に終つてゐるのでこれは正味 517 頁、序文その他前附正味 8 頁。結局第二版は辭典の部の頁數に於て 22 頁減少した譯である。

併し新版では前よりも一ポイント小さい活字を使用したので舊版で三行に亙る説明が二行になつた所もあるしするから頁は22頁少くなつてゐるとしてもまづ實際は 30-35 頁位の增加ではないかと思ふ。(gvidi の所をみると新版の 46 行が舊版では 60 行位になつてゐるのから大ざつぱに勘定してみて)。

舊版についてはその出版當時本誌で批評したが新版についてもそう大して變つた批評を下すほどには内容や編纂方針がかはつてをらぬ。併し新版において舊版よりも多少變更された部分もある。今ここに氣付いたままを順序もなく羅列することとしよう。

1. Antaŭparolo をよんでみると第二版では特に故 Grosjean-Maupin 氏が各部分に筆を加へたこと。Z 博士の用例を一層多く書き添へ且 Rimarkoj も書き加へたとかかれてゐる。

2. 新版では見出語根の出典を舊版よりも二三多くした。即ち舊版では Zamenhof, Christaller, Fulcher k Long, Krestomatio, Bein, Millidge, Grabowski, Bennemann のみであつたのに新版には更に Rollet de l' Isle, Verax を加へ且 diversaj aliaj vortaristoj を一まとめにした記號をも加へた。

3. 新版では Fundamento 中にある語根については特に * 印を附加した。これは本辭典の如き辭典としては必要なことである。

4. 舊版と新版で使用法が變つてをらぬが舊版の凡例に書きおとしてゐたのが新版では加へられた。即ち大文字で書き始めた見出語根は oficialaj radikoj であること等。

5. 新版で最も目立つてかはつた所は動詞についてである。即ち舊版では動詞は大體自動詞（略號 ntr.）が他動詞（略號 tr.）にわけられてゐたが今度は自動他動兩用につかはれる動詞（略號 x）といふものを設けたことである。例へば instrui, rigardi 等舊版では單に他動詞となつてゐたものが新版では自他兩用のものとして示されてゐる。

動詞の自動他動についてはいろいろ議論もあり又文法家により定義を異にし意見もちがふがとにかく普通の辭典ではエス語の動詞は一つで自動詞となつたり他動詞となつたりするものでない（英語等は變通自在であるが）といふ先入觀念があつたのであるが（たまに特殊なもので自動他動に使用されてゐるのがまちがつてゐる位に考へてゐた）本辭典新版はこの問題に一石を投じたものとして今後相當議論され研究されることと思ふ。筆者にも意見はあるがここにはのべぬ。

本辭典にはこれら文法的取扱ひその他についての編者達の意見その他については何もふれてゐないが序言その他の中にそれらについての態度を示してほしいと思ふのは筆者一人ではないと思ふ。

6. 舊版は D, E 邊に語根が多く R, S, T U, V 邊で非常に少くなつてゐて前後均衡がとれてゐなかつたが下で見る如く新版では D, E の所で澤山の專門語根を省き RSTUV 邊に必要と思はれるものを多く附加したことは何より結構なことでこれによつて本辭典もやや形をととのへたといふ事ができる。

7. 新版では ik なる pseŭdosufikso を省いた短い形を餘計に入れた。(大體本辭典はもともと短い語形を rekomendi してゐるが)。

例へば aŭtenta, ekzot(ik)a, gratif(ik)i, kvalifi, mistifi, ratifi 等。

8. 新版で採用した短い語形としては猶次の如きがある。

aŭto (=aŭtomobilo), e(k)skludi (=ekskluzivi), erudito (=erudiciulo), foti (=fotografi), hiato (=hiatuso), situo, spekuli (=spekulacii) 等。

9. 新版では舊版よりも一層 ĥ の代りに k を用ふることをすすめる態度をとりすべて ĥ の含まれた語根には別に ĥ を k におきか

へた語根を入れてゐる。

例 amfibrako, katekismo, katekisto, katekizi, kemio, kimero, koruso (=ĥoro), mekaniko, monako 等。

10. 新版に新しく入つたもので興味ある語根としては

damaĝi (從來「惜しむ」意味の domaĝi に「損ずる」意味をふくませてゐたのは感心せぬので英語からこの形を誘導したものと思ふ)、futbalo, gramofono (fonografo に對し disko で音を reprodukti する新しい——といつても現在最も普通な蓄音器——ものをこれでよぶ)、ĝentlemano (英語の gentleman), kampanjo (カンパニヤ)、kolĥozo (コルホーズ)、majonezo (マヨネーズ・ソース)、nokaŭti (ノックアウト)、pijamo (パジャマ)、saboti, stadiumo (スタヂアム)、vilao (別莊) 等。

11. 日本語から入つたものは

kimono, rikiŝo, ŝintoismo

次に本辭典の見出語根については新版と舊版とを比較してみると、

(A 舊版にあつて新版で除かれた見出語根は

adianto, alizarino, anteridio, anurio, atrabila, bazelo, bazidio, begomo, blastodermo, bolŝeviko, ciborio, ciklotimio, ĉervonco, darno, darvinismo, deklinometro, dekremetro, densometro, diabazo, diadelfa, diakeno, diatomo, didinama, didisko, dikotiledona, dikotoma, diktamno, dino, dioika diploo, diploporoj, diprotodono, dipsakacoj, dipsomanio, disfagio, disfonio, dismenoreo, disosmio, dromo, eĵakuli, ekbalio, ekinorinko, ekstrapoli, ekstrofio, ekstrorsa, ektodermo, ekzogena, ekzoterma, elatino, elatinacoj, elektuario, emarginulo, enado, endogena, endokardito (新版には造語としてあり), enoteracoj, epidemiologio, epitrokleo, etologo, eŭfrazio, eŭpatrio, faktorialo, farmakologo, fenilo, fenoloj, fericiano, ferociano, fleo, foliklito, formalismo (新版では合成語としてあり), fotometrio, fotopsio, francismo, frenologo, galeaso, galeopitekoidoj, gebio, geogenio, geognosto, geognozio, geoĥemio, germanismo, gimnotoidoj, gingivito, girino, gliptologio, globulariacoj, glumaloj, gnetacoj, helopso, helvelacoj, hieracio, instepo, introrsa, jido, kaki, koliero, kondono, konvolvulacoj, kordeliero, kosmoĥemio, kropfo, krumpeto, ksilografo, kukurbacoj, kupulacoj, latinismo, laŭntenisò, likorno, luidoro, medianto, mikrologio, oligarko, ommetro, onani, pariao, pedologo, pietisto, pimento, primario, propedeŭtiko, pudli, retuŝi, sekundario, slaka, stotinko, ŝofero (新版 ŝoforo のみ), trifolio.

(B) 新版にあつて舊版にない見出語語根は

albatroso, altruismo, amfibrako (舊版は amfibraĥo のみ), ampolo, antifrazo, aristolokio, asperulo, aŭto, aŭtenta (舊版は aŭtentika のみ), avalo, ba, bakalaŭro, batrako, beata, biontologio, bostono, brakicefalo, cenotafo, centiaro, cetacoj, damaĝi, damni, delfinio, demisii, e(k)skludi, empirismo, empiristo, erudito, erupti, eskapi, eŭgeniko, evento, falto, fariseo (舊版は farizeo のみ), fatamorgano, foti, fotelo, franciskano, fratrio, futbalo, geko, gimnasto, glicineo, gracila, gramofono, guŝo, ĝentlemano, hiperiko, hipokaŝtano, hop, hubo, ideologio, ilicio, imanenta, incendio, introspekto, intuo, iskiatiko, jakobeno, janiĉaro, jogurto, ĵeleo, kampanjo, kanalizi, kanelo, kanino, kantarelo, kanulo, kaoso (舊版 ĥaoso のみ), kaprifolio, kaprikorno, kapsiko, kardamino, kardono, kariko, katekismo (舊版 kateĥismo のみ), katekisto (舊版 kateĥisto のみ), katekizi (舊版 kateĥizi のみ), keiranto, kemio (舊版 ĥemio のみ), kimero (舊版 ĥimero のみ), kimono, kiosko, klaviklo, klematido, klostro, koaguli, kohera, kojlo, kolĥozo, komparacio, konfirmacio, koniko, kontingenca, konversi, koruso (舊版 ĥoro のみ), krasulo, kvalifi (舊版 kvalifiki のみ), lamo, langusto, legacio, libido, lotoso, mahometano, majonezo, mandarino, manioko, mapo, marono, marseljezo, marksismo, masaĝi, mateo, mekaniko (舊版 meĥaniko のみ), mestizo, metapsikio, miraĝo, mirtelo, mistifi (舊版 mistifiki のみ), mnemoniko, modli, monako (舊版 monaĥo のみ), monitoro, morkelo, morĥelo, mulato, muskedo (舊版 musketo のみ), nano, natro, nervoza, nocio, nokaŭti, numismato, onomatopeo, organika, papiliacoj, paralogismo, paraŝuto, peono, peso, peseto, piĵamo, plejdo. plombo, poldero, poligamio, potencialo, protozoo, rakedo (舊版 raketo のみ), rara, ratifi, razeno, referi, referato, rekviemo, relikvo, remizo, remonto, rikiŝo, rondelo, rostbefo, rostbifo, ruŝo, sabeko,

saboti, sakro*, sakri, sangvina, sanitara, saŭrkraŭto, sekestri, sekvestracii, semantiko, sensaco (舊版 sensacio のみ), sensualismo, siesto, silikvo, sinergio, sinkretismo, sistro, situo (舊版 situacio のみ), skabeno, skarifiki (舊版 skarifi のみ), skinko, skolto, skombro, sledo, slojdo, snobo, soveto, specifi, spili, stabila, stadiono, stadiumo, stamino, staplo, stilistiko, stoko, stompi, strangoli, stumbli, substrato, suplemento, ŝagrino, ŝintoismo, ŝminki, tamariko, taŭro, taŭtologio, telepatio, teozofio, terapeŭtika, tiktako, tofo, tomismo, tonelo, toro, trajektorio, tranco, transcenda, tremao, triciklo, trioleto, triptiko, trobadoro, troglodito, tuĉi, tuno, unio, vegetalino, vestalo, veziero*, vilao, vimeno, vindaso, vitala, zeloto.

(* 印は oficialaj radikoj でこれが舊版におちてゐたことは大きな失態である)。

C) 新版と舊版とで語形(語根のみについて)のちがつたもの。[ ] の中は舊版。

afido [afiso] ——(但新版の afido が ABC 順からいへば誤植でないかとも思はれる), bombikso [bombik(s)o], dekor(ac)i [dekori], e(k)skuzi [ekskuzi], ekzot(ik)a [ekzotika], empiemo [enpiemo], gratif(ik)i [gratifiki], haleluja [halelujo], hiato [hiat(us)o], levjatano [leviatano], navigi [navig(ad)o], ordin(aci)o [ordino], ovulo [ovolo], spontana [sponta], trakeo [traĥeo], vodevilo [vodvilo——誤植?]

(D) 新版と舊版で語尾のみのちがつたもの。[ ] の中は舊版。

akordo [akordi], hermafrodita [hermafrodito], konfederi [konfedero], kresĉendo [kresĉende], mercero [merceri], paneo [panei], sterlinga [sterlingo], ŝimi [ŝimo], vespro(j) [vesproj].

(E) 新舊版でちがつてゐるが明かに誤植と思はれるもの。

新版の arĝentano は ABC 順からみても舊版の agentano の誤植ならん。

kaŭĉŭko は kaŭĉuko の誤植。

發行所たる Sennacieca Asocio Tutmonda の云ふ所によると本辭典新版は大體 definitiva のものとなるであろうとの事である。勿論今後も多少の増減はするだろうが今回の様にすつかり組みかへる樣なことをせないで紙型に多少の象嵌をする位の程度でないかと思ふ。

★ ★ ★

本辭典新版に入つてゐて新撰エス和辭典にない語根及び稍語形を異にするもの、譯語に異同あるものを集め之に譯語を附して新撰辭典所持者の便宜を計り本誌を切取つて辭典に添附できる樣本誌 271-272 頁の兩頁下部に附加したからそれについて同辭典と新版の異同を見られたい。

---

## Subtenu Japanan Vesperon!

por baldaŭ okazonta japana vespero mi bezonas materialon de japanaĵoj diversspeĉaj, belaj objektoj por aranĝi ekspozicion, por belaj valoraj sendaĵoj mi sendos reciproke aŭ bonan esp. libron aŭ lastan Zamenhofan Monumentfoton. Vidu pri la Unua Japana Vesperon sur p. 168 en la junia numero de R. O. Sendu taŭgan materialon al S-ano

**Ad. Oberrotman,**

Str. Krochmalna 43/10

Varsovio, Pollando,

## S-ro Innocento Seriŝev petas

1920—22年日本に滯在活躍された Seriŝev 氏から最近學會宛來信あり、同氏は目下濠洲にあつてロシヤの移民のため二つの新聞を發行してゐるが日本の事について書きたいから日本人のエス語での寄稿をのぞむと(Seriŝev 氏がロシヤ語に譯してのせる)。aktualaj temoj el vivo de Japanoj について書いてほしいとの事です。(但し同氏は目下貧困にてそれに對して謝禮をだせぬとの事です)各地同志の援助をのぞむ。

同氏の Adreso は 9, P. O., Box 2988—NN. Sydney, Aŭstralio.

# KIAM HIRUNDOJ VENAS AL KOBE?

T. Taguĉi, *Mara Meteorologia Observatorio, Kobe.*

Hirundoj venas en printempo de sudo al nia lando kaj foriras al sudo en aŭtuno. Sed se vi precize observas la daton, en kiu hirundoj alvenas al nia lando en la unua fojo, vi konklude rimarkas ke hirundoj ne venas tiel regule en ĉiuj jaroj: en iu printempo ĝi venas frue kaj en alia printempo malfrue ĝi vizitas nin. La ekzemplon mi montras en la tablo I, kiu enhavas la materialojn, observitajn de Kobe Meteorologia Observatorio pri la unua dato de hirunda alveno en kelkaj jaroj.

Tabelo I

| Jaroj | Datoj | Jaroj | Datoj |
|---|---|---|---|
| 1923 | 3, Aprilo | 1929 | 7, Aprilo |
| 1924 | 11, Aprilo | 1930 | 3, Aprilo |
| 1925 | 21, Aprilo | 1931 | 4, Aprilo |
| 1926 | 23, Aprilo | 1932 | 29, Marto |
| 1927 | 16, Aprilo | 1933 | 12, Aprilo |
| 1928 | 14, Aprilo | 1934 | 9, Aprilo |

Ĝenerale oni diras ke hirundoj malŝatas la malvarmecon, tial ni povas supozi facile ke en la jaro kiam aertemperaturo fruprintempa estas plivarma, hirundoj venas plifrue. Do, unue mi ekzamenas la rilaton inter la unua dato de hirunda alveno kaj la mezmaksimuma aertemperaturo en Marto.

(La mezmaksimuma aertemperaturo estas meznombro de la maksimumaj artemperaturoj ĉiutage en la monato)

La interrilaton mi montras en la figuro I.

FIGURO I



La rezultato, montrita en la figuro I, ĝenerale koincidas kun nia supozo antaŭa, ke plivarma temperaturo fruprintempa venigas hirundojn plifrue. La rilato inter la alvendato de hirundoj kaj mezmaksimuma aertemperaturo estas en rektlinia rilato. Ĝenerale rektlinia formulo estas y=a+bx. El materialoj ni ricevis a=63.34 kaj b=-4.25. Do se ni volus en marto antaŭdiri la unuan daton de la alveno de hirundoj en aprilo, la uzebla formulo estas:

$$Y=63.34-4.25\,X$$

Kie Y estas alvendato de hirundo en aprilo kaj X estas la mezmaksimuma aertemperaturo en marto. Ekzemple kiam X estas 14° C, Y estas ĉirkaŭ 4, do en la 4-an de aprilo, ni vidcs hirundon unuafoje en Kobe. Sed la diferenco inter dato observita kaj dato kalkulita laŭ la formulo estas maksimume ĉirkaŭ kvar tagoj.

El studo de la diferenco, ni trovis ke ventrapideco en marto malfruigas la alvenon de hirundoj, tial ni devas korekti la formulon per ĝi eksperimente.

Do mi derivis la sekvantan formulon:

$$Y=63.34.-4.25\,X+V$$

Kie Y kaj X estas samaj en la unua formulo kaj V estas la meznombro de la maksimumaj ventrapidecoj (m/s) en ĉiuj tagoj en marto.

Ventdirekto ankaŭ rilatas iom kun la alvendato, speciale en la tago antaŭ la alventago, kalkulita el la formulo, se la ventdirekto de la plej forta rapideco estas suda, hirundoj prokrastas sian viziton dektri tagojn (meznombre).

Sed, bedaŭrinde, la klarigo de la fakto estas ne ebla nuntempe, ĉar la vojlinio de alvenantaj hirundoj al nia lando ankoraŭ ne estas elesplorita.

〔Postskribo: La alveno en 1932 havas tre rimarkindan specialecon kompare kun aliaj jaroj, kaj tial mi esceptis ĝin en la nuna traktato.〕

---

〔247頁より續く〕

る古來の分別を離れて，全然，呼吸數を單位とされたものである所に面白味がある。

この方法によれば，三音節一呼吸の場合も一音節一呼吸の場合も同樣に一單位となるので五・七・五は三・四・三となる。從つて，この方法によるときは，譯詩が非常に短くなるので應用はあまり自由ではない。譯例として唯一つ，しかも，非常に不完全なものを揭げる。唯，『讀む』調子が，可成り日本語めいて感じられることに御注意願ひたい:—

Nudbranĉe　　枯枝に
korv'—krepuskon　烏のとまりけり
de l' aŭtun'—　　秋の暮

日本の詩歌のうちでは，謠曲を除いたら俳句が最も難物であらう。私は實際のところ俳句がよくわからないので俳句は譯してみやうとも思はないし，譯せるものかどうかも疑問である。上揭の譯なども，實に間に合せの物で，『秋の暮』の一句の譯し方にも色々異論があらうし，『烏の』の『の』は譯詩には現はれてゐない。これでは『烏とまりけり』の譯であると云はれても仕方がない。この樣にこの方法は仲々餘譯には應用しにくいがoriginala poemo の一つの形式としては面白いかも知れない。

上述の如く，日本詩歌の餘譯形式としては『視覺と聽覺に訴へる法』と『聽覺のみに訴へる法』とを説明したつもりであるが，更にも一つの方法がある。歌はれるものに對し『原歌曲によつて歌はれる樣に餘譯する法』がこれである。

正　誤　表

| | 頁 | 行 | 誤 | 正 |
|---|---|---|---|---|
| 前々回 | 151 | 21左 | sru 摺る | sur 摺る |
| 〃 | 〃 | 〃 〃 | sur 爲る | sru 爲る |
| 〃 | 〃 | 26 〃 | *hito* | *hitot* |
| 前　回 | 220 | 7左 | ritomo | **ritmo** |
| 〃 | 〃 | 21右 | pieodoj | **piedoj** |

# FORPRENITA TUMORO

Ĉunoŝin JUI

Estis en antikva tempo maljunulo, kiu havas grandan tumoron sur sia dekstra vango. Oni ne scias, kiam ĝi aperis al li. Ĝi multe turmentis lin. Tial li turnis sin al famaj kuracistoj por ricevi konsilon aŭ medikamenton, kaj faris lian eblon por la forigo de la tumoro. Tamen ju pli li prizorgis pri ĝi, des pli ĝi grandiĝis, kaj neniam ĝi malaperis.

Iun tagon, li vizitis monteton ĉirkaŭ la vilaĝo por kolekti hejtaĵon. Li laborvagadis la tutan tagon tra la monteto. Je la vesperiĝo. apenaŭ li ekmarŝis malsupren, ekpluvis de la ĉielo, kiun ŝtelkovris nubo.

„Ho Dio! Ĉu ne troviĝus oportuna loko por rifuĝi?" Tiel dirante al si mem, li ĉirkaŭrigardis, kaj trovis apud li unu grandan arbon. Al lia bontrovo, ĝi havas grandan kavon ĉe la piedo.

„Jen mi havas!" li diris, „tie mi forpasigos la pluvon iom da tempo." kaj li enrampis la kavon. La pluvo pligrandiĝis ĉiam pli kaj pli kvazaŭ torento. Aldoniĝis de tempo al tempo fulmo kun akompano de tondrego, kiun li malŝatis ĝisoste. La maljunulo ne sentis sin viva pro teruro, kaj preĝis per sia tuta koro „Dio grandu min!"

La pluvo ja ne daŭris longe. Tre baldaŭ ĝi malfortiĝis, kaj vidiĝis eĉ brileto de la suno subiranta trans malproksima monto. La maljunulo do povis senti sin savita. kaj diris, "Al mia feliĉo la pluvo ĉesis. Estas bone; mi tuj ekiru." Apenaŭ li elvenis la kavon, li ekrimarkis ekstere tumulton de nekonataj estaĵoj. „Povas esti," li pensis „ke aliaj arbaristoj malsupreniras de la montoj. Por mi ankaŭ estas oportune havi akompanantojn. Mi iru kun ili" Kaj ellasis al si la kapon eksteren, kaj li trovis, al sia mirego, anstataŭ la arbaristojn, aron da teruraj demonoj alvenantaj senorde. Kun ellaso de akra krio li falis teren, kaj eĉ ekstari li ne povis longe. Bonŝanco lasis lin ne rimarkita, kaj li restis en la kavo kvazaŭ senviva.

Ekster la kavo, iom post iom gajiĝis. Aŭdiĝis eĉ kantetoj La maljunulo levis sian kapon kaj ekpensis, „Kio okazis! Fariĝis g ja ekstere? Kio en la mondo okazis? Mi volas scii..." Li elrampis el la kavo, kaj ŝtelrigardis eksteren. Li trovis la demonojn en festeno. Jen unuj kantas, jen aliaj tumultas. Dancas unu kun akompano de muzikaĉo de aliaj, forgesante ĉion.

„Tre povas esti, ke ili havas hodiaŭ amikiĝan kunsidon, Estas intarese... Mi venadis al tiu ĉi monto preskaŭ ĉiutage de juna knabeco ĝis tia maljuneco. Tamen al mi estas la unua sperto renkonti tiel neordinaran okazaĵon. Interese kaj plaĉe!" La facilanima maljunulo ja forgesis la terurecon, kaj antaŭen ŝovis iom post iom por vidi la tumulton.

Tiel, la hetmano de la demonoj, drinkante per granda pokalo, rigardadis siajn vasalojn dancantajn. Diris, „Fi! Ĉiam samaj la gestoj de viaj dancadoj! Ne interese! Ĉu ne estus iu, kiu farus kuriozan?" Jen li vidas, ke la hetmano volas kuriozaĵon, kaj diris,

„Bone! Do mi montras al ili mian dancadon. Ne, ne! Se ekstere... Kaj li manĝus min per unu engluto. Al mi estus la fino. Tamen... ili estas dancamantoj. Se mi montrus interesan dancon, ili ja ne kuraĝus manĝi min. Jesuo, Mario! Kuraĝon! Provu!“ Li interesigita de muzikaĉo de la demonoj, sin puŝis en la mezon de la rondo.

Tute neatendita subita apero de homo maljunulo kaŭzis al li mirigan eksciton, diris „Kio okazis?“ Ili nur rigardis lin senmovaj iom da tempo. Kontraŭe li, per sia tuta forto, dancadis kun diversaj gestoj, kiujn li ekzercis antaŭe. Ĉar la malsukceso signifas la finon de lia vivo.

Tutaj demonoj laŭdis lin. „Brave“! Ja majstraĵo! Dum jaroj, ni havadis festenojn, tamen al ni estas la unua renkonto ĝui tiel agrablan dancon.“ Kortuŝitaj restis ili longe, kaj la hetmano de demono turnis sin al ni. „Mi dankas vin. Estis intereso mem. Jen havu trinketon!“ La maljunulo prenante la pokalon timeme diris, „Al mi estas granda honoro kaj kontento ricevi admiron de vi, ne riproĉante nian malĝentilan konduton, malgraŭ tio, ke mi multe ĝenis vin.“ „Jes, vi prezentis al ni pli da agrableco ol ĝentileco. Venu ĉi tien de tempo al tempo, kaj regalu nin via dancado en estonteco.“ „Se al vi plaĉis mia nebona danco, mi prezentos multfoje.“ „Se jes, ĉu vi venos morgaŭ?“ „Certe.“ „Ĉu je via vorto de honoro?“ „Ne ripetu, mi petas.“ „Sed estas necese postlasi ian garantiaĵon al ni, ke vi nepre venu.“ „Do postulu de mi kion ajn vi volas.“ „Kio do estas la plej bona?“ Kaj li turnis sin al siaj subuloj por konsilo. Unu demono, kiu sidis tria de la hetmano, respondis kvazaŭ sagace. „Kiel garantiaĵo, via moŝto, estas necese depreni aĵon plej valoran al la posedanto. Ni vidas, ke tiu ĉi maljunulo posedas grandegan tumoron sur sia dekstra vango. Laŭ onidiro, homoj, kredante ke tumoro kaŭzas feliĉon al sia posedanto, eksterordinare zorgas pri ĝi. Tial mi humile rekomendas al vi, ke vi prenu de li la tumoron. Mi estas certa, ke li venos morgaŭ por ricevi ĝin.“ „Tio ja estas bona ideo! Do mi retenu ĝin.“ Kaj ili, depreninte la grandegan tumoron de la maljunulo terurigita, foriris.

La maljunulo restis kvazaŭ li estus en sonĝo renkontinte „neordinaran okazaĵon.“ Tamen dank' al la okazaĵo li liberiĝis de la tumoraĉo, kiu turmentis lin longe. Plie li sentis nenian doloron sur la vango.“ „Dankon al Dio!“ li pensis,“ se mi ekscius tion pli frue, mi jam antaŭe estus vizitinta ilian domon por forigi la tumoron per dancado.“ Ĝoja kaj kontenta, li ĉirkaŭtuŝante sian vangon, kiu en unu momento fariĝis glata, rapidis al sia hejmo.

Hejme lia maljuna edzino, senpacience atendanta, diris. „Jen vi revenas! Certe vi suferis de la ĵus pasinta pluvo? Rapidu al via ĉambro, kaj ripozu!“ Kaj jen! Ĉu li ja perdis la tumoron aŭ forgesis ĝin ie? Ĉe la ekrigardo, al sia miro, ŝi ekrimarkis, ke li perdis plene la tumoron, kiu certe pendis sur lia dekstra vango, kiam li foriris en la mateno. „Ho ĉielo!“ ŝi demandis. „Kion vi faris kun la tumoro?“ La maljunulo streĉante sian korpon diris,“ Pri tio... Jen estas kialo.“ Kaj li rakontis al sia edzino ĉion ĉi tion, kiamaniere ĝi estas forprenita de diabloj sur la revenvojo de la monteto. La maljuna edzino estas tute kortuŝita. “ Vi faris tre bone. Sed kion la demonoj volas

fari kun la tumoraĉo!" Ili kune eksplodis en ridegon.

Okazis, ke ĉe lia flanko vivis ankaŭ maljunulo preskaŭ samaĝa kun li. Tiu ĉi ankaŭ havis grandan tumoron sur sia vango, sed maldekstra. Pro tio li multe suferis. Li aŭdis la okazintaĵon de la najbaro, kiun vizitis li kun envio. "Bonan tagon, sinjoro! Ĉu estas vero, ke vi renkontis hieraŭ demonojn, kiuj forprenis vian tumoron?" Kompreneble jes! Kiu dirus malveron pri tia afero! Rigardu en mian vizaĝon!" „Mirinde! Mi ankaŭ volas iri tien, por ke mi lasu la demonojn depreni tiun ĉi mian tumoraĉon. Kie en la mondo mi povus renkonti ilin?" „Bone! Vi provu! La maljunulo bonanima instruis al li la lokon kaj la tempon detale. Li kun granda espero rapidis al la montrita monteto subtenante la tumoron sur sia maldekstra vango.

Laŭ la instruo de sia najbaro, li enrampis en la kavon. Atendis senpacience la aperon de la demonoj. Baldaŭ vesperiĝis jen ... ili aperis apud la arbo. Komenciĝis festeno, kiel kutime. Inter ili estis granda demona hetmano, kiu diris ĉirkaŭrigardante. „Jen estas la tempo, kiam alvenos la hieraŭa maljunulo." Li ŝajnas esti senpacienca. Ĝusta tempo! Li elsaltis el la kavo, kaj genufleksante gratulis. „Bonvenon via demona moŝto! Mi humile atendadis vian alvenon." „Ho! Vi hieraŭa maljunulo! Tuj dancu!" „Jes, mi estas." Li ekstaris, kaj komencis strangan dancon malfermante ventumilon kiun li portis de sia hejmo, kun akompano de nekonata kanto farita de si mem. Malfeliĉe, tiu ĉi maljunulo estas ĝisosta malspritulo. Neniam li havas okazon ekzerci la dancadon. Jen li saltas, turniĝas, etendas siajn manojn, aŭ levas la piedojn tute senakorde. Tia fidanco al neniu plaĉas.

La demonoj do kolere ekkriis. „Sentaŭgulo! Kiel malbona estas la hodiaŭa danco kompare kun la hieraŭa. Ni jam ne bezonas tian sentaŭgulon. Jen! Prenu la tumoraĉon-garantiaĵon! Tuj foriru!" La hetmano demono ĵetdonis la tumoron, kiun li retenis al si hieraŭ kiel garantiaĵon, al la dekstra vango de la maljunnlo. Kompatinda li, ne nur malsukcesis la forigon de maldekstra tumoro, sed plie li ricevis la donacon sur sia dekstra vango, kiu ĝis nun estis libera de tia malagrablaĵo. Kun tumoroj sur ambaŭ vangoj, li aspektis kvazaŭ haltero. Li malsupren kuris la monton, rapidis al sia domo, sed kun peza koro.

# Historieto de l' Presarto

Makoto KUROSAKI

Ni foliumu la historion de l' presarto. Jen ni vidas, ke ĝi komenciĝas de tre antikva tempo.

En antikva epoko homoj ekhavis la kapablojn per paroloj elmontri siajn pensojn, kaj post multaj jaroj ili plie povis elpensi literojn por postrestigi siajn parolojn. En la komenco ili gravuris literojn sur ŝtonojn, tegolojn aŭ ŝelojn. Tion pruvas relikvoj en la epoko Egipta, Babilona antaŭ 3600—3700 jaroj. Sed la metodo ilin ne kontentigis. Ili serĉis aliajn objektojn, sur kiuj ili povus facile skribi. Do ili elpensis paperon. La vorto "papero" devenas de "papiruso", kiu kreskis sur la malseka tero apud Nilo, kaj kiun antikvaj egiptoj uzis kiel skribmaterialon.

Kiamaniere papero estis farita en antikva tempo? Oni disŝiris trunketon de papiruso, en maldikajn pecojn, kaj per ili formis folion laŭvice krucigante, poste premis ĝin, sekigis poluris per ŝtonoj por doni al ĝi brilon. Sur tiu ĉi papero ili skribis literojn per plumoj por elmontri siajn pensojn. Sed estis penige permane enskribi en ĉiun folion, kaj tio ne konvenis por la bezono de multobligo. Precipe ili sentis grandan malfacilon ĉe multobligo de desegnaĵoj. Ili eksentis neceson de preso. Kaj en la unua tempo same en Oriento kaj Okcidento la presarto komenciĝis de la preso de idolbildo, de kanono.

Estas interese, ke la plej malnova presaĵo, kiun ni ankoraŭ hodiaŭ havas, troviĝas en Japanujo. Ĝi estas "Daranisutro" (陀羅尼) konservata en la templo Hoorjuuĵi, Jamato, per kiu en la epoko de Imperiestrino Kooken (739—764) la imperiestrino preĝis por la paco, kiam ribelis Emino-Oŝikacu. "Daranisutro" estis presita sur longa papero farita el papermorusarbo, kaj ĝi estis enmetita en lignan tureton alta je 14 c m. volvite unuope. Pri ĝia presmaniero oni konkludas malsame ĉu ĝi estis presita per kupra konveksa tipo aŭ per ligna. Tamen ĝi estas tre bone presita en tia malnova tempo (antaŭ 1100 jaroj). La civilizacio de Nara epoko estis tre altgrada. Sed la civilizacio plejparte venis el Ĉinujo, trapasante Koreujon, tial ke la presekniko eble ne estus originalo de japanoj. Oni devas supozi, ke la tekniko ankaŭ estis importita el Ĉinujo. Ĉiuokaze estas mirinde ke nur en Japanujo tia presaĵo estas konservata.

Post 100 jaroj de la tempo, en Ĉinujo en la epoko Tango (唐) regata de I-Sun (懿宗) presiĝis "Praĝna-paramita-sutro" (般若波羅密經). Ĝi estis presita plimalfrue ol "Daranisutro", tamen la rezultato estas pli supera. En la epoko Sungo (宋) oni elpensis presi per presliteroj faritaj el argilo, sed ĉi tio ne vastiĝis pro ilia difekteco.

Tiam orientanoj jam sciis fari paperon per pastado, do estis plifrue ol okcidentanoj. En okcidento ĉirkaŭ la 13-a jarcento oni eksciis la procedon kaj ĝis tiam ne havante paperon ili skribis sur pergamenon aŭ papiuson. Tiamaniere en Oriento papero estis jam fabrikata kaj ksilografio kaj tipografio ekĝermis, sed ili ne tiel properis.

Dume, en Okcidento, en la 15-a jarcento, kiam venis Renesanca epoko, subite vekiĝis

bezonoj de presaĵo. Renkontante la ŝancon Johano Gutenberg elpensis novan presprocedon, kiu uzas presliterojn el alojo konsistanta ĉefe de plumbo, forigante ĝisnunan difekteman presprocedon. De tiam oni rekonis ja valoron de presitaj libroj.

Per legado de libroj la kulturo de l' mondo plialtiĝis, kaj la nuntempa kulturo perfektiĝis.

Devenis de tre antikva tempo la ideo, ke por la preso de libroj oni uzas kompostaĵojn de apartaj presliteroj. Estas klare skribite, ke en la epoko Sungo, 381—388, Pi-Ŝing (畢昇) "faris presliterojn bakinte kneditan argilon kaj faris preson, ilin surmetante sur fertabulon." En 1272, en la fina epoko de Koma-dinastio en Koreujo, oni muldis presliterojn el kupro. Ankoraŭ restas presaĵo per ili farita. Sed tiu ĉi baldaŭ estis flankelasita, ĉar la fandiĝa punkto de kupro estas tre alta kaj la muldado nefacila. Meritas laŭdon Gutenberg, kiu ellaboris la presprocedon, kiu utiligis alojajn presliterojn konsistantajn ĉefe el plumbo.

Ĉe la preso per presliteroj Gutenberg konceptis lignan premilon, per kiu oni elsukigis vinberojn, kiel presmaŝinon. La vorto "preso" devenis de la signifo: premo. Presmaŝino evoluis iom post iom, kaj tiel nomata cilindro-presmaŝino estis elpensita de germano Friedrich König en 1805. Tio ĉi estas origino de nuna cilindro-presmaŝino, per kiu la presarto plipotenciĝis, ĉar per kiu unuhoraj presnombroj pligrandiĝis. Sed la presnombroj kompreneble estis limigitaj kaj por rapida preso en mallonga horo, kiel tiu de ĵurnalo, ĝi estis nekontentiga. Do nova neceso naskiĝis. Feliĉe, tiam kune kun la presarto ankaŭ paperprodukta procedo tre progresis. Rulpapero estis elpensita. Por pligrandigi presnombrojn oni devis doni al presmaŝino rotacian movon, per kiu fine oni povas seninterrompe presi. Por tiu celo, cilindra stereotipo, kiu aplikis matricon, estis finlaborita. Do la seninterrompa preso efektiviĝis, cilindra stereotipo senĉese turniĝadas, ricevante rulpaperon. Nun rotacia presmaŝino, kiu uzas la cilindran steotipon, superrapide presadas tagĵurnalojn. Tipoj, kiuj estas faritaj de ksilografio aŭ zinkografio, duon-tona procedo, kompostite kune kun presliteroj estas uzataj.




Supre nomitaj ĉiuj tipoj havas sur si partojn konveksan kaj konkavan. Presinko nur alglui ĝas sur la surfacon de konveksa parto, kaj ne al la konkava. Oni metas paperon sur la tipon, kiu ricevis presinkon, kaj premas la dorson de papero. Ĝi ricevas presinkon nur de la konveksa parto, kiu ja formas bildon. Oni nomas ĉi tiun procedon tipografio, kiu estas la plej rapidpresa el ĉiuj procedoj.

Jen sursceniĝas la intajla procedo, kiu progresis en Nederlando dum la 17-a jarcento. Tiu ĉi havas tute kontraŭan econ kompare kun la lasta tipografio. La surfaco de plato estas glata kiel spegulo, kaj presota bildo estas gravurita konkave sur la plato. Oni ŝtopas presinkon en la konkavan parton de la plato, kaj paperon metas sur la platon.

Kiam oni frotas kun premo sur la dorson de papero, presinko transiras de la konkava parto al la papero, kaj la presinko staras sur la papero kun rimarkinda reliefo. La presita bildo havas specialan belecon, kiun oni ne povas vidi ĉe la aliaj procedoj. Iniciatanto de ĉi tiu procedo estas italo Masso Finigverra. Tiu gravuris sur metalplato per tranĉilo. En la 17-a jarcento nederlandano Rembrandt per sia invento "acidgravurado", en kiu oni engravuras sur metalplato per ĥemia procedo, sed ne per meĥanika, en kiu gravuras per tranĉilo, evoluigis la presarton. Presaĵo de acidgravurado estas tiom bela, ke la produktaĵo ankoraŭ nuntempe ŝatata de la publiko. Li ŝmiris kontraŭacidan lakon sur kupra plato, kaj sur ĝi li desegnis disponitan bildon per pinglopinto, por ke la kupro malkovriĝu ĉe la desegnita loko per forigo de lako. Poste li gravuris per acido la desegnon, kie la kupro estis tute malkovrita. Vere li faris tiel gracian gravuron utiligante delikatan efikon de ĥemiaĵo. Bedaŭrinde, malgraŭ ĝia beleco pro ĝia malrapideco de preso nuntempe ĝi estas nur malofte aplikata. Lastatempe aperis fotogravuro, kiu aplikis fotografion, kaj ni povas vidi intajlan presaĵon belegan kaj malmultekostan.

MODELO DE INTAJLA PRESO

1 Gravurita plato

2 Tutan platon ŝmiras per presinko.

3 Superfluan inkon forviŝas.

4 Sur papero estas presita. ( Inko reliefe staras sur papero).

En la komenco de l' 19-a jarcento, en Germanujo Alois Senefelder inventis litografion. (Heroldo de Esp. Nro 9. 4, marto 34. Alois Senefelder.) Lin motivis la fakto, ke sur la surfaco de ŝtono, kiu havas samajn elementojn, kiel marmoro, li desegnis per grasa inko, kaj poste, kiam li korodis ĝin per acido, tiam sen ia reliefo sur la ŝtono, la desegno ricevis inkon kaj alia porto nedesegnita rifuzis ĝin. Li saĝe utiligis la kontraŭecon de graso kaj akvo.



MODELO DE LITOGRAFA PRESO.

Tiu ĉi procedo estis tiel simpla ke la publiko varme akceptis ĝin. Poste pro maloportuneco, ke la ŝtonmaterialo estas rompiĝema kaj oni ne povas enmanigi grandformatan ŝtonon, oni serĉis alian anstataŭigeblan materialon, kaj fine oni trovis, ke alumini- kaj zinkplato estas bonaj. Ĉe la preso per ŝtono, pro ĝia plateco oni povis uzi nur plat-presmaŝinon, kaj grandeco de presfolioj estis limigita. Sed, kiam oni ekuzadis tiujn metalplatojn, grandformata preso fariĝis ebla, ĉar oni povis liveradi la platojn je disponita grandeco. Kaj fleksebleco de l' metalplatoj ebligis la platon volvi ĉirkraŭ cilindro. Litografio alprenis al si rotacian presmanieron.

Litografio signifas ŝton-grafion, kaj kiam oni ekuzadis ankaŭ la metalmaterialon. Jam la vorto ne konvenis por ĝia procedo. Nuntempe oni eĉ nomas ĝin plivastsignife

